# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

15. Jahrgang Nr. 98 (6/1979) 30 Pf


## La prezidio de Kulturligo ĉe Erich Honecker

Tio vere estis tre grava evento en la vivo de Kulturligo, kiam ĝia prezidio kune kun la prezidantoj de aliaj kulturaj asocioj (verkistoj, filmistoj, komponistoj, artkreantoj, teatristoj kaj de la Akademio de la Artoj) estis akceptita de la ĝenerala sekretario de la Socialisma Unuiĝinta Partio, kaj prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro, Erich Honecker. La akcepto okazis la 22an de junio 1979 en tre harmonia atmosfero, kaj tre klare montris la rapide kreskantan signifon de Kulturligo kiel socialisma kulturorganizaĵo de GDR.

La ĝenerala sekretario, al kiu oni transdonis la Johannes-R.-Becher-Medalon en Oro, esprimis en sia referaĵo tre altan, pozitivan pritakson por la multflanka agado de Kulturligo. Kaj se li tion faris, ĉio-ĉi validas ne por iu parta Kulturligo sed por la tuta, do ankaŭ por la esperantistoj.

Jam longe forpasis la tempoj, ke en Kulturligo oni pridubis la valoron de la esperantista agado. Tute firme ni povas diri, ke ĉiam tie, kie la esperantistoj aperas kiel seriozaj homoj (ne kiel fanatikuloj aŭ neseriozaj sektemuloj) la estraroj de Kulturligo donas ĉian subtenon, eĉ pli — sincere dirite — ol la malmultaj membroj meritus laŭ statistika kriterio, eĉ pli, ol oni ofte kapablas saĝe utiligi.

La interparolo kun la ĝenerala sekretario tre klare montris, ke Kulturligo paŝon post paŝo akiros pli kaj pli da influsfero en la socio. Kreskas la membraro kaj la materia bazo, la prestiĝo entute.

Kompreneble, ke ĉio ĉi metas antaŭ la esperantistojn grandajn postulojn kaj ebligas ĉiam pli kaj pli harmonian enkadrigon en la ĉiutagan socian vivon. Oni povas aserti, ke la malmultaj esperantistoj en GDR atingis rimarkindan sintenoŝanĝon al sia agado en ĉiuj sferoj de la socio. Ke tio ankoraŭ ne povas sufiĉi, estas klare. Sed, ke ankaŭ la agado de la esperantistoj mem ankoraŭ ne povas sufiĉi, ankaŭ evidentas. Do por la jaro 1980, jaro de la 35a datreveno de la liberigo de la germana popolo el sub la faŝismo jugo — fariĝu bona kaj rezultodona, ankaŭ en la spirito de la renkontiĝo ĉe Erich Honecker.

# Deklaro
# de Germana Demokratia Respubliko

**Por nia lando, por ĉiuj popoloj kaj ŝtatoj la venontaj decidoj estas ekstreme gravaj.**
**De Berlin Leonid Breĵnev entreprenis grandan iniciaton. En interkonsento kun GDR kaj kun la aliaj ŝtatoj de la Varsovia Pakto Sovetunio reduktos sen iu kondiĉo siajn bataltrupojn en Meza Eŭropo. Ĝi pretas redukti ankaŭ la nombron de mezdistancaj raketoj en la okcidentaj regionoj de USSR – kondiĉe, ke NATO en Okcidenta Eŭropo ne instalos novajn usonajn mezdistancajn raketojn.**
**Se temas pri la sekurigo de la paco, ne estas allasebla iu ajn hezito. Ni ne rekonstruis nian landon el ruinoj, por ke ĉio denove cindriĝu. Kion kreis nia diligenteco, ne estu denove detruita. Ni subtenas la porpacan iniciaton de Leonid Breĵnev. Ĉie ni bezonas prudenton kaj bonan volon anstataŭ armiĝo-frenezo kaj pormilita politiko. Ne novajn atomraketojn en Okcidenta Eŭropo – sed paŝojn por malarmado!**
**Ne vetarmadon – sed daŭrigon de malstreĉiĝo!**
**Berlin, oktobro 1979**

## „Not our boys"

La 6an de oktobro 1979 la partiestro de Soveta Komunista Partio, Leonid Iljiĉ Breĵnev deklaris, ke el la teritorio de GDR estos retirotaj dum 12 monatoj 20 000 sovetaj soldatoj, 1000 batalveturiloj kaj ke kromtio el la okcidentaj regionoj de Sovetio estos retirotaj ĉiuj mezdistancaj raketoj, kiuj povas atingi teritorion de la NATO-ŝtatoj.
Dum la popoloj de tuta Eŭropo ĝojas pri tiu ĉi decido, ŝtatestroj en la NATO-landoj ne klare lasas ekkoni siajn vidpunktojn kaj la prezidento de USONO deklaras, ke tiu ĉi decido estas salutinda, sed ke en okcidenta Eŭropo tamen estos instalotaj plej modernaj nuklearaj armiloj, por garantii la nunan staton.
Estas iom malklara la parolo de la usona prezidento. Li deziras, ke la kontaktoj inter USONO kaj Sovetio estu pli harmoniaj, sed volas samtempe instali en okcidenta Eŭropo armilojn, kiuj minacos sovetan teritorion.
Jam kelkaj NATO-landaj registaroj deklaris, ke ili ne toleros tiajn armilojn sur siaj teritorioj. Sed jam la fakto, ke tiaj armiloj estas instalotaj en Eŭropo memorigas la eldiron de la iama prezidento Eisenhower: „Not our boys" (ne niaj junuloj).
Do Jimmi Carter nun volas instali plej modernajn amasmortigilojn je la lima zono de la socialisma landaro. Ne usonaj junuloj mortu, sed la junularo de okcidenta Eŭropo estu la viktimoj de eventuala milito ...
Se oni prenas landkarton de Eŭrazio, nesocialisma Eŭropo estas kvazaŭ la apendico de la giganta teritorio de la landaro socialisma. Kaj se nur unu aŭ du landoj en okcidenta Eŭropo transprenus tiajn armilojn kaj aplikus ilin, iliaj ŝancoj estas minimumaj venki en tia duelo. Sed la germanaj generaloj pruvis dum du mondmilitoj, ke ili ne reale kapablas taksi situacion.
Ni arde deziras, ke neniu junulo el NATO-lando aŭ socialisma ŝtato mortu.
Ni deziras, ke eĉ ne unu vilaĝo en tiuj landoj ruiniĝu.
Pro tio ĉiu honesta homo devas subteni la paciniciaton de Leonid Breĵnev.

Rudolf Zimmermann

## *La esperantistoj en la tria jardeko de GDR*

*El la referaĵo de Detlev Blanke dum la festaranĝo „30 jaroj de GDR“, la 29an de septembro 1979, en Meißen*

Popolo sen historia konscio estas kiel homo sen memoro. La batalintoj kontraŭ faŝismo kaj imperiismo, por socialisma Germanio, hodiaŭ trovas realigitaj siajn idealojn en nia lando.

Inter tiuj batalintoj troviĝis la unua prezidinto de Centra Laborrondo, nia neforgesebla Rudi Graetz kaj multaj aliaj ... Sur iliaj ŝultroj ni hodiaŭ staras, realigante iliajn idealojn, kiuj estas la niaj.

La revoluciaj tradicioj de la laborista Esperanto-movado vivas en la agado de la esperantistoj en Kulturligo. Senkompromise ni donis al tiu agado socialisman profilon, kaj neniam cedos al tiu principo.

Ne nur publike, sed ofte en la individua sfero, la esperantistoj donis kaj donadas sian valoran, tre specifan kontribuon al la realigo de la socialismaj celoj de nia ŝtato.

Informmaterialoj, presitaj en Dresdeno, kaj senditaj en dekmiloj da ekzempleroj en pli ol 50 ŝtatojn de la mondo, ĉirkaŭ 20 000 korespondaj ligoj en pli ol 40 landoj (el ili 80 % en socialismaj landoj), la celkonscia agado de Centra Laborrondo en internaciaj Esperanto-Organizaĵoj — ĉio ĉi estas gravaj mozaikŝtonoj en la tutrespublika bilanco. La intimaj kaj fortikaj amikaj rilatoj al la esperantistoj de Sovetunio, la aliaj socialismaj landoj respondas al niaj revoluciaj tradicioj, al la socialisma karaktero de nia lando kaj estas sukcesa baza principo de nia internaciisma agado. Se dum kongresoj kaj aliaj okazoj en eksterlando niaj delegitoj renkontas esperantistojn, kiuj parolas kun estimo pri nia lando, — tio estas ofte pro tio, ĉar ili multon ekscìis de siaj korespondantoj el Rostock, Berlin, Dresden kaj Meißen, tiam ni vidas ke nia laboro estis sukcesa.

Se vjetnamaj esperantistoj dankas niajn reprezentantojn pro la donita solidara helpo de la esperantistoj de nia lando, tio estas forta stimulo por atingi ankoraŭ pli bonajn rezultojn.

Kulturligo de GDR grave kontribuas al la elformiĝo de socialismaj personecoj ofertante multajn eblecojn por interesa, kreiva kaj valora pasigo de la libertempo, dum kiu la individuaj interesoj respondu samtempe al tiuj de la socio, kiel iam esprimis tion Johannes R. Becher. Multon oni povus diri pri tiuj valoraj personaj rilatoj peresperantaj al amikoj de la tuta mondo, stampantaj la psikon kaj la internaciisman mondkoncepton de la homo, pri tiu ĝuo apliki sukcese kaj efike tiun elastan kaj belan

lingvon Esperanto, pri tiu konscio labori por altaj humanismaj idealoj en nia socialisma lando. Kaj laste, sed ne laste laŭ graveco, mi menciu, ke interlingvistoj-esperantologoj faris gravan laboron por informi kaj konsciigi sciencistojn de nia lando pri la gravaj kaj ege interesaj sciencaj aspektoj de Esperanto, laboro trovanta internacian rekonon. Ĉar, pri tio oni konsciu la kreo, vivigo kaj praktika apliko de internacia lingvo, laŭplane konstruita de la homo, apartenas al la plej ekscitaj intelektaj kaj sociaj faroj de la homaro en nia jarcento.

La atingita stadio de la disvolviĝanta socialisma socio en nia lando metis novajn taskojn antaŭ la kulturpolitikon. La lastatempa renkontiĝo de la Prezidio de Kulturligo kaj de aliaj kulturkreantoj ĉe la Ĝenerala Sekretario de nia partio Erich Honecker tre klare montris la daŭre pligraviĝantan rolon kaj signifon de Kulturligo, ĝiajn pli kaj pli altajn taskojn. Tio ne nur donas al la esperantistoj pli fortan konscion pri la aparteno al grava socialisma kulturorganizaĵo de GDR, tio ankaŭ postulas de ni, atingi dum la 80aj jaroj en nia agado en la estonteco konsiderinde pli altan nivelon! . . .

30 jarojn aĝas nia respubliko. Antaŭ nia lando staras grandaj taskoj, ne nepre facile realigeblaj.

Ne daŭros longe, kaj oni preparos la X-an Partian Kongreson, kaj Kulturligo sian X-an Ligo-Kongreson.

Kia estos la rolo de la esperantistoj en tiu nova fazo de la socialisma konstruado?

Ankoraŭ ne eblas tion klare respondi. La menciitaj kongresoj, kaj ankaŭ la III-a Centra Konferenco de la Esperantistoj, okazonta en la jaro 1981 difinos la sekvotan vojon.

Ni devas analizi la bezonojn, la cirkonstancojn kaj la atingitan staton por tiri la ĝustajn konkludojn.

Tamen, la centron de nia atento nepre devas teni la tasko, konsiderinde plibonigi la politikan-ideologian, la lingvan kaj la fakan nivelon de nia agado, kaj pli bone organizi ĝin.
Interalie mi ŝatus elstarigi jenajn punktojn:

1. La internaciisma kaj socialisma enhavo devas atingi ĉiun grupon kaj influi ĉies agadon.
   Ni pli ofte kaj pli celkonscie **apliku** Esperanton por la diskonigo de informoj pri nia lando, por kultura interŝanĝo por pli profundaj kaj pli oftaj rilatoj al la esperantistoj el niaj frate ligitaj socialismaj landoj, por la pacbatalo kaj solidareco.

2. Ni devas tre serioze superi iun **fermitecon,** izolitecon en niaj grupoj, en nia agado. La esperantistoj ofertu siajn multajn internaciajn ligojn al la **tuta** Kulturligo kaj aliaj partneroj konkrete subtenante ties internaciajn rilatojn.

3. Kvanto kaj kvalito formas dialektikan unuecon. Sen pli da kvanto oni ne atingos konsiderinde pli bonan kvaliton. Ni nepre pligrandigu la bazon, ni kreu novajn grupojn ni varbu precipe junajn, saĝajn kaj agadpretajn homojn por nia laboro. Sed, se nia propra laboro ne povas allogi interesulojn, la nesufiĉa **kvalito** de tiu agado malhelpas al kvanto. Jen la komplika dialektiko, pri kio estas pli facile paroli ol apliki ĝin.

4. Ni bezonegas la junularon. Ni devas ellabori koncepton, por pli bone progresi en tiu sfero. Ni devas malkovri al la junularo la multflankajn kaj aventure belajn allogaĵojn de nia agado.

5. Jam longe pasis la tempo, kie oni pravis postulante pli da eblecoj por esperantista agado. Renversiĝis la rilatoj. Nur nesufiĉa parto de la eblecoj, kiujn al la esperantistoj disponigas la socio pere de Kulturligo, vere estas celkonscie uzataj.
   Ni postulu de ni mem pli da **faroj** por utiligi tiujn grandanime donitajn eblecojn.

6. Sed ĉio-ĉi estas farata de konkretaj homoj, pretaj dediĉi sin al tiu bela objekto de spirita kreado de emocia kaj intelekta pliriĉiĝo. Ni bezonas pli da kadroj kaj funkciuloj, kun alta politika scio, kun bonaj lingvaj kaj fakaj konoj, pretaj al kontinua kaj celkonscia laboro.

   Ni bezonas pedagogojn kiuj levos la Esperanto-instruadon sur pli altan nivelon. La necesaj materialoj grandparte pretiĝis. Ni bezonas klerajn, science kapablajn homojn por la taskoj de interlingvistiko kaj esperantologio kaj por la faka apliko de Esperanto. Ni bezonas literaturajn talentojn kaj artistojn.

Sukcesa estis la vojo, kiun ni iris la lastajn 30 jarojn. Sukcesa, sed ne glata. Malgraŭ profundaj truoj, kiujn en tiun vojon ne ni faris, malgraŭ multaj klopodoj de niaj malamikoj faligi nin, ni ne falis! Ni ne stumblis. Ni progresis senhalte.

Ankaŭ la esperantistoj povas retrorigardi kaj konstati bonan bilancon, bilancon kiun kunkreis la viglaj kaj diligentaj esperantistoj el la tuta lando. Ili kaj ĉiuj en la aliaj distriktoj meritas dankon kaj rekonon. Ni ekiru komune kun kompreno por realeco kaj kun forta volo kaj scio al la sekva jardeko.

*Okaze de la jubileo de GDR*

## Internacia festaranĝo en Meißen

Distrikta Laborrondo Esperanto en Dresden transprenis grandan taskon organizinte sian solenan renkontiĝon okaze de la respublika naskiĝtago. Tiun vere gravan festaranĝon, la 28an — 30an de septembro 1979 en Meißen partoprenis entute 225 esperantistoj. Eble la duono venis el Bulgario, ĈSSR, Hungario, Pollando kaj Rumanio. Vendrede kaj dimanĉe la partoprenantoj havis eblecon elekti inter multaj diversaj ekskursoj. La solena festaranĝo mem okazis sabate en la restoracio Burgkeller. Partoprenis la solenaĵon kelkaj eminentaj gastoj, inter ili la prezidanto de la Distrikta Estraro de Kulturligo, *prof. d-ro Striebing,* la dua sekretario de KL, *Gerhard Burkhardt* kaj reprezentantoj de la partia kaj urba estraroj el Meißen.

Centra Laborrondo, kiu oficiale patronis la evidente plej grandan renkontiĝon ligitan al la respublika jubileo de GDR, sendis delegacion. Ĝi konsistis el la vicprezidanto *Ludwig Schödl,* la sekretario *d-ro Detlev Blanke* kaj la membro de la prezidio de CLE *Siegfried Linke.* Ankaŭ aliaj membroj de CLE partoprenis. Post malfermo fare de la prezidanto de la Distrikta Laborrondo Esperanto, *Walter Röhner,* sekvis paroladoj de Ludwig Schödl kaj d-ro Detlev Blanke. La vicprezidanto omaĝis la 30-jaran vojon de GDR kaj Detlev Blanke skizis kelkajn problemojn de la esperantista agado kiel parto de tiu historio. Orkestra muziko sekvis. Estis distingitaj meritplenaj esperantistoj de la distrikto per la Johannes R. Becher-medalo en bronzo, per la titolo „aktivisto de socialisma laboro" kaj per la „Honorinsigno de CLE". Oni krome gratulis al Walter Röhner, kiu distingiĝis per la Johannes R. Becher-medalo en oro kaj per la Patrolanda Meritordeno en bronzo. Akordeona orkestro sub gvido de *Rolf Deke* kaj pola folklora infangrupo sub gvido de *s-ino Kawulok* kantis kaj dancis. La konata folkloristino el la Beskida montaro ankaŭ prezentis diversajn malnovajn muzikinstrumentojn kaj eĉ ludis ilin (i. a. sur 5 metrojn longa trombito, t. e. Alphorn, kaj sakfluto). Dancmuziko finis la aranĝon.

Ĉiuj, kiuj preparis tiun renkontiĝon, kiu havis tutrespublikan signifon, meritas altan laŭdon kaj dankon.

(Kun utiligo de materialo de
M. Augustat)

### Honorinsigno de CLE

Dum la festaranĝo en Meißen jenaj meritplenaj esperantistoj estis distingitaj per la Honorinsigno de Centra Laborrondo Esperanto:

— Erich Wald, Dresden
— Oskar Walter, Zittau
— Otto Zschietzmann, Riesa
— Elli Rühle, Meißen
— Arthur Mildner, Pirna
— Willi Launer, Görlitz

Nian sinceran gratulon al la distingitoj!

## Dankon pro gratuloj

**Centra Laborrondo ricevis multajn gratulojn el eksterlando okaze de la 30a datreveno de la fondiĝo de GDR.**
**Ne povante respondi al ĉiuj gratulintoj, CLE ĉi-voje kore dankas al la skribintoj.**

**CLE**

## Telegramo de ASE

*„Karaj amikoj, ni tutkore gratulas vin okaze de glora datreveno 30 jaroj de proklamo de Germana Demokratia Respubliko, unua en historio germana socialista ŝtato de laboristoj kaj kamparanoj. Ĝia tridekjara vojo. estas glora vojo de konstruado de socialisma socio kaj lukto por paco kaj amikeco inter popoloj. Por ni estas agrable kaj ĝoje konscii, ke esperantistoj de GDR faris kaj faros sian enmeton en tiu ĉi grandega afero. Ni deziras al vi, karaj geamikoj, bonan sanon kaj sukcesojn en laboro. Vivu la amikeco kaj kunlaborado inter popoloj de niaj landoj, Soveta Unio kaj Germana Demokratia Respubliko.*

*Moskvo, Asocio de Sovetiaj Esperantistoj“*

**Skribis Sergej Titov, patro de la kosmonaŭto, al Centra Laborrondo:**

„Estimataj kaj karaj amikoj!“
Mi kore dankas por atento kaj sendaĵo — la bultenoj „Paco“ kaj „Trigroŝa Romano“ de Bertolt Brecht. Arde mi deziras prosperon al la Esperanto-movado kaj bonan sanon al la membroj de Centra Laborrondo, kiuj vivas, agadas por apliki la lingvon Esperanto en la servo de la monda paco.

Respektplene S. Titov
Moskva, Poŝto de la pilotoj-kosmonaŭtoj, 27. 7. 1979

**Festaranĝo en Potsdam**

La 16an de junio 1979 la esperantistoj el Potsdam renkontiĝis omaĝe al la 30a jubileo de GDR. Partoprenis la festaranĝon la 1-a sekretario de la Distrikta Estraro de Kulturligo, *Heinz Rupp*, kiu alte pritaksis la laboron de la esperantistoj.
El la eksterlando partoprenis la prezidanto de la Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko (AESSR), *Milan Zvara* kaj edzino. El Bulgario ĉeestis grupo de esperantistoj el la ĝemela urbo Ruse kun sia estro *N. Nedev*. La sekretario de CLE, *d-ro Blanke*, informis pri kelkaj aspektoj de la internacia Esperanto-movado. Kultura programo, kun diapozitiva prelego pri GDR de *Alice* kaj *Ludwig Schödl*, muziko kaj danco fermis la renkontiĝon. Solidareca bazaro rezultigis 120 markojn. Krome oni subskribis dum la renkontiĝo interkonsenton pri kunlaboro inter la esperantistaj estraroj de Ruse kaj Potsdam.

## Ekspozio pri GDR en Samarkando

La 7an de oktobro 1979 en la centra ekspozicia salono de u. Samarkand/Uzbekistano okazis solena malfermo de la granda ekspozici „Kartinki ĵizni Germanskoj Respubliki“ („Bildoj de vivo de Germana Demokratia Respubliko“) dediĉita al la 30-jara jubileo de GDR. Ĝi estis organizita far Samarkanda Esperanto-klubo de Interpopola Amikeco kunlabore kun la regiona filio de Uzbeka Amikeca Asocio. La solenan malfermon partoprenis membroj de la urbaj KIA-oj (t. e. kluboj de internacia amikeco), reprezentantoj de la kotonuzino (kolektiva membro de la societo USSR – GDR) kaj 30-persona turisma grupo de GDR-anoj. Salutparolis la respondeca sekretario de la regiona filio de Uzbeka Amikeca Asocio k-dino M. V. Muminova, prezidanto de Samarkanda Esperanto-klubo de Interpopola amikeco k-do A. I. Ionesov (esperantlingve kun samtempa traduko en la germanan!), prezidanto de la universitata KIA „Sogdiana“ k-dino T. O. Bababekova, vicsekretario de la kotonuzina partia organizo k-dino K. S. Poleŝko. Respondan parolon havis la gvidanto de GDR-a grupo k-do Volkar Backert, kiu varme dankis la organizintojn pro kora akcepto kaj tre ampleksa ekspozicio. El pluraj laŭtemaj standoj de la ekspozicio speciale menciindas jenaj: „30-jara jubileo de GDR“, „Industrio de GDR“, „Arto kaj kulturo“, „Berlin – ĉefurbo de GDR“, „Nerompebla soveta-germana amikeco“, „Junularo de GDR“, „Naturpejzaĝoj de GDR“, „Esperanto en GDR“ k. m. a. Ĉiuj ekspoziciaĵoj (plakatoj, fotoj, prospektoj, libroj k. a.) estis abundkvante ricevitaj de la centra estraro de la societo GDR – USSR kaj de pluraj GDR-aj esperantistoj. La ekspozicio funkciis dum monato. Pri la evento sciigis gazetaro, aperis tipografie presitaj afiŝoj kaj invitiloj.

### Nova scienca libro el Moskvo

Daŭ la katalogo de la soveta eldonejo „Nauka“, parto I, paĝo 150, en 1980 aperos la libro „Problemy meždunarodnogo pomogatelnogo jazyka“. (Problemoj de la internacia helpa lingvo).
Ĝi havas en la katalogo la pozicion 492.
Temas pri ampleksa verko redaktita de prof. Magomet Isajev.

### SALT-II-dokumentoj en Esperanto

Denove la soveta ĵurnalo „Moscow News“ aperigis gravajn dokumentojn en Esperanto. En n-ro 30 (2862, 29. julio 1979) ni trovas la plenan tekston de la SALT-II-dokumentoj en Esperanto. Tiu materialo estas senpage havebla ĉe Centra Laborrondo.

### „Horizonto de Soveta Litovio 4“

Ĝi aperis 1979 kaj entenas sur 45 paĝoj originalajn kaj tradukitajn poemojn, rakontojn kaj artikolojn.

## *Gurgen Grigori Sevak*

La soveta-armena lingvisto propre nomiĝas Grigorjan sed estas konata en fakaj kaj esperantistaj rondoj sub la nomo Sevak. La 15an de aprilo 1979 profesoro Sevak fariĝis 75-jara. Tio estu okazo iom omaĝi al tiu eminenta sciencisto kaj esperantisto.

Gurgen Grigorjan naskiĝis la 15an de aprilo 1904 en Tbilisi. En la jaro 1928 li finis la Erevanan Universitaton, 1937 li kandidatiĝis (= doktoriĝis) kaj verkis sian doktorigan disertacion (= d-ro de sciencoj) en la jaro 1949. 1956 profesoro Sevak fariĝis membro de la Akademio de Sciencoj en Armenio. Li estas vaste konata kaj ŝatata en la respublikoj Armena kaj Kartvela kiel lingvisto. Jam frue li trovis la vojon al Esperanto kaj eklernis la lingvon 1921. Membro de la Lingva Komitato (la posta Akademio) li elektiĝis 1932. Kune kun la progresemaj esperantistaj verkistoj Nekrasov, Kuzeniĉ kaj Ludwig Renn, Gurgen Sevak fondis 1932 la Internacian Asocion de Esperantistaj Revoluciaj Verkistoj. Ludwig Renn fariĝis la prezidanto de tiu-ĉi Asocio. (Kp. „der esperantist" 3/4 1974 n-ro 65—66, p. 20—21). Jam 1922 Gurgen Sevak publikigis tradukojn el la armena literaturo en „Heroldo de Esperanto", „Sennacieca Revuo" kaj aliloke. 1930 aperis lia Esperanto-lernolibro por armenoj.

Post la mondmilito profesoro Sevak ankaŭ daŭrigis sian agadon por Esperanto, 1958 aperis la unua (kaj bedaŭrinde ankaŭ lasta) numero de „Armena Esperantisto". Li gvidis multajn kursojn kaj rondojn en Erevano kaj prelegis pri Esperanto. Kiel membro de la Sovetunia Esperanto Komisiono li ofte reprezentis sovetajn esperantistojn en eksterlando. Li partoprenis diversajn Universalajn Kongresojn kaj Konsultiĝojn de la Esperanto-asocioj de socialismaj landoj. Ankaŭ en GDR profesoro Sevak havas multajn amikojn. 1974 li partoprenis la 1-an Centran Konferencon de Esperantistoj de GDR en Berlin.

Al la konata akademiano la esperantistoj de GDR — se ankaŭ malfrue tamen ne malpli sincere — kore gratulas kaj deziras ĉion bonan por la estonteco.

*(Kompilita helpe de inĝ. Avetis Gevork Patatjan el Erevano)*

### Violin Oljanov — 60 jara

La konata bulgara aktivulo, esperantologo (prezidanto de IUEF) kaj ĉefredaktoro de „Paco", Violin Oljanov el Sofio, fariĝis 60jara kaj estis distingita de la bulgara registaro per la alta ordeno „Popola Respubliko Bulgario — IIa grado".

Centra Laborrondo tre kore gratulas kaj deziras ankoraŭ multajn sukcesojn kaj feliĉan estontecon.

### 3. LEA — Treffen

*Das 3. Treffen ehemaliger Mitglieder des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes (LEA) findet am 20. und 21. März 1980 im Hotel Potsdam-Cecilienhof (in der Gedenkstätte) anläßlich des 35. Jahrestages der Befreiung statt. Alle ehemaligen LEA-Mitglieder die zum 2. Treffen 1979 keine Einladung erhalten haben und Interesse hätten, am 3. Treffen teilzunehmen, werden gebeten, sich beim Zentralen Arbeitskreis zu melden.*

# Internacia Medicina Esperanto-Konferenco



*Du partoprenintoj el GDR: La kuracistoj d-ro Giso Brosche kaj Helmer Koch*

La unua Internacia Medicina Esperanto-Konferenco (IMEK) okazis en julio 1977 en Krakovo/Pollando kaj estis kun 60 gepartoprenintoj kaj 16 prelegoj bona sukceso.

La dua IMEK okazis de 8a ĝis 14a de julio 1979 en Hodmezövasarhely/Hungario pri temo koncernanta protektador de la sano kaj de la homa medio el medicina vidpunkto. La konferencon partoprenis 126 diversfakaj medicinistoj el Bulgario, ĈSSR, Francio, GDR, Hungario, Pollando, Sovetunio kaj Svedio. Dum unu semajno oni prezentis 35 prelegojn kiuj instigis al fruktplenaj diskutoj. Oni aŭskultis prelegojn pri la sanitara situacio precipe en socialismaj landoj, pri temoj gerontologiaj, higienaj, bestkuracistaj, nutradosciencaj, medicinhistoriaj, kirurgiaj, oftalmologiaj, dentkuracistaj. psikologiaj, sanitar-organizaj, pediatriaj. infektologiaj kaj aliaj.

GDR-partoprenintoj faris 6 prelegojn. La konferenco havis la subtenon de la urbaj kaj partiaj aŭtoritatoj. La programo pliriĉiĝis per interkona vespero, bildprogramoj, muzikvespero, diversaj distraj vesperoj, kulturprogramoj. tuttaga ekskurso al Gyula kaj folklora vespero. La lertaj organizintoj s-ino Katarina Faragó, d-ro Imre Ferenczy kaj d-ro Lajos Molnár meritas plenan dankon pro ĉiu grava konferenco.

(laŭ materialoj de Helmer Koch)

**Prelego en la Akademio**

Antaŭ la plej alta kunordiga instanco por lingvoscienco en GDR, la Konsilantaro pri Lingvoscienco ĉe la Akademio de Sciencoj de GDR, prelegis d-ro Detlev Blanke pri la temo „Esperanto kaj ĝia lingvistika valoro". La prelego okazis la 12an de septembro 1979.

# Internacia renkontiĝo ĉe Berlin

Bonvolu noti: De 15a ĝis 27a de septembro 1980 okazos Internacia Renkontiĝo Esperantista en Krossinsee ĉe Berlin. Detaloj en n-ro 1/80.

# La gazetaro pri ni en 1978

## 1. Tutrespublikaj organoj

— **„Neues Deutschland“**, Berlin, SED, 25. 7. 78, E-junulara kongreso malfermita; 1. 8. 78, E-mondkongreso malfermita; aŭg. 78, Ce bulgaraj esperantistoj; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Berliner Zeitung“**, Berlin, 1. 8. 78, 63a Mondkongreso; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„BZ am Abend“**, Berlin, 25. 7. 78, E-junulara kongreso; 9. 10. 78, Pup-teatro PUK
— **„Der Morgen“**, Berlin, LDPD, 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 10. 11. 78, E-klaso en popola altlernejo Prenzlauer Berg
— **„Neue Zeit“**, Berlin, 1. 8. 78, 63a Mondkongreso de esperantistoj; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Bauernecho“**, Berlin, (organo de Kamparana Partio), 26. 7. 78, E-junulara kongreso
— **„Junge Welt“**, Berlin, (organo de Libera Germana Junularo), 10. 8. 78, 100jara lingvo (Internacia junulara kongreso okazis en Bulgario)
— **„für dich“**, Berlin, (il. gazeto por virinoj), 20. 3. 78. Filmo en Esperanto
— Sume: 14 artikoloj

## 2. Distriktaj kaj subdistriktaj organoj

### 2.1. Cottbus

— **„Lausitzer Rundschau“**, Cottbus, SED, 1. 8. 78, Mondkongreso en Varna; 22. 8. 78, Miaj impresoj pri E-kongreso; 26. 8. 78, Esperanto-renkontiĝo ĉe la bordo de la Nigra Maro; 24. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— Sume: 4 artikoloj

### 2.2. Dresden

— **„Sächsische Zeitung“**, Dresden, SED, 10. 1. 78, Kurso por komencantoj; julio 78, E-mondkongreso; 20. 9. 78, Nova kurso en Meißen; 6. 12. 78, Vojaĝimpresoj el Bulgario
— **„Sächsische Zeitung“**, Riesa, SED, 22. 3. 78, Montrokesto de hejmlanda muzeo; 30. 8. 78, Pri mondkongreso de esperantistoj
— **„Sächsische Zeitung“**, Zittau, SED, 1. 6. 78, Kulturligo unuigas multajn interes-kolektivojn
— **„Sächsische Neueste Nachrichten“**, Dresden, 2. 1. 78, Faraono en Esperanto sur sonbendo; 24. 5. 78, Neniuj problemoj kun la lingvo; 15. 6. 78, Radio Moskvo en Esperanto
— **„Sächsisches Tageblatt“**, Dresden, NDPD, 31 3. 78, Traduko de ekzerco por esperantistoj; 21. 4. 78, Esperanto en hungara universitato; 5. 5. 78, Renkontiĝo de junaj esperantistoj; 26. 5. 78, Esperanto en radio; 9. 6. 78, Fakvortaro en Esperanto; 16. 6. 78. UNESKO-dokumento en Esperanto; 28. 7. 78, Esperantistoj kunsidis en Dresdeno; 4. 8. 78, Solvo de internacia lingvoproblemo pere de Esperanto (Intervjuo kun la prez. de TEJO, d-ro Tsiturides); 29. 9. 78, Bulgara E-teatro; 17. 10 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 21. 10. 78, Aventuroj en la mondo; 10. 11. 78, Parolado kun kursgvidantino el Riesa
— **„Die Union“**, Dresden, 19. 7. 78, Kiun signifon havas Esperanto?
— Sume: 22 artikoloj

### 2.3. Erfurt

— **„Thüringer Neueste Nachrichten“**, Erfurt, NDPD, 5. 1. 78, Faraono en Esperanto sur sonbendo; 2. 3. 78, Filmoj en Esperanto; 11. 5. 78, Radio Moskvo en Esperanto; 7. 8. 78, Fino de la mondkongreso; 20. 11. 78, Esperanto — speciala hobio
— **„Thüringische Landeszeitung“**, Weimar, SED, 25. 7. 78, Monda junulara kongreso de esperantistoj; 1. 8. 78, Mondkongreso de esperantistoj; 11. 8. 78, La plej granda privata E-biblioteko en GDR; 1. 9. 78, Mondkongreso en Varna; 1. 11. 78, Pri la mondkongreso en Varna
— **„Thüringer Tageblatt“**, Weimar, 1. 8. 78, 63a E-mondkongreso
— **„Thüringische Landeszeitung“**, Eisenach, SED, aŭg. 78, Esperantistoj el Eisenach ĉe la mondkongreso; 20. 9. 78, Nova kurso; dec. 78, Pri medicina fakgrupo
— **„Das Volk“**, Erfurt, 15. 2. 78, „Trigroŝa romano“ de Brecht en Esperanto; 25. 7. 78, TEJO-kongreso en Veliko-Tarnovo; 7. 8. 78, E-mondkongreso; 24. 10. 78, Pri la insulo Esperanto; 3. 11. 78, Esperanto — denove moderna?; 23. 11. 78, Hobioj kiuj stimulas kaj edukas
— Sume: 20 artikoloj

## 2.4. Frankfurt/O.

— **„Neuer Tag"**, Bernau, 2. 8. 78, Pri mondkongreso de esperantistoj; 6. 9. 78, Esperantistoj ĉe mondkongreso; 13. 9. 78, Nova kurso en Bernau
— Sume: 3 artikoloj

## 2.5. Gera

— **„Volkswacht"**, Gera, 7. 8. 78, Esperanto-mondkongreso
— **„Volkswacht"**, Gera-Land, 26. 3. 78. E-renkontiĝo; 16. 2. 78, „Trigroŝa romano" en Esperanto; 22. 3. 78, Pri la laborgrupo en Ronneburg; 3. 8. 78, Pri la festivalo en Havano; 11. 10. 78, Bondeziroj el Kutaisi
— Sume: 6 artikoloj

## 2.6. Halle

— **„Liberal-Demokratische Zeitung"**, Halle, NDPD, 12. 8. 78, E-renkontiĝo
— **„Der Neue Weg"**, Halle, 7. 8. 78, Fino de la 63a mondkongreso; 15. 8. 78, Kontraŭ lingvo-barieroj
— **„Freiheit"**, Halle, SED, 22. 2. 78, Leterinterŝanĝo kun amikoj en pli ol 80 landoj; 17. 3. 78, Internacia E-Foira Renkontiĝo en Leipzig
— **„Freiheit"**, Bernburg, SED, 12. 5. 78, Amikeckontrakto kun Nitra; aŭg. 78, Esperantistoj renkontiĝis en Bernburg; 21. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Freiheit"**, Quedlinburg, SED, 9. 8. 78, Amika renkontiĝo de E-laborgrupo; 12. 8. 78, E-renkontiĝo
— Sume: 10 artikoloj

## 2.7. Karl-Marx-Stadt

— **„Freie Presse"**, Schwarzenberg, SED, 26. 2. 78, Plenumado de la kontrakto kun sovetaj esperantistoj; 21. 2. 78, Renkontiĝo de esperantistoj; 25. 5. 78, Renkontiĝo de esperantistoj; 25. 8. 78, Esperantistoj el Schwarzenberg ĉe mondkongreso; 24. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Freie Presse"**, Werdau, SED, 23. 2. 78, Sendaĵo en Esperanto; 16. 3. 78, Salutoj el Pionirpalaco en Kutaisi; 23. 8. 78, Leterinterŝanĝo kun amikoj el Kubo; 10. 10. 78, Junaj esperantistoj el Soveta Unio gratulas; 12. 12. 78, Sovetaj E-amikoj sendis valoran donacon
— Sume: 10 artikoloj

## 2.8. Leipzig

— **„Leipziger Volkszeitung"**, Leipzig, SED, 18. 2. 78, E-ekspozicio invitas; 10. 3. 78, Esperantistoj kiel gastoj en Leipzig; 20. 7. 78, Renkontiĝo de E-junularo en Veliko Tarnovo; 22. 7. 78, Junularo en Veliko Tarnovo; 24. 8. 78, Sukcesplena E-kongreso; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 21. 10. 78, Speciala biblioteko kun 2000 volumoj; 2./3. 12. 78, Interkomprenigo — neniu problemo
— **„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten"**, Leipzig, NDPD, 15. 7. 78, Demandoj de Esperantologio (Varna); 1. 8. 78, E-mondkongreso; 9. 8. 78, Filmo en Esperanto
— **„Die Union"**, Leipzig, 15. 8. 78, Kontraŭ lingvo-bariero (intervjuo kun d-ro Tonkin kaj N. Aleksiev)
— Sume: 12 artikoloj

## 2.9. Magdeburg

— **„Magdeburger Zeitung"**, Magdeburg, 17. 8. 78, Amikeckontrakto kun Ŝumen (Bulgario); 28. 9. 78, Kontrakto subskribita
— **„Liberaldemokratische Zeitung"**, Magdeburg, 27. 9. 78, Gastoj el Ŝumen
— **„Volksstimme"**, Magdeburg, SED, julio 78, Programo de popola altlernejo Magdeburg; 8. 8. 78, Esperanto kun amikoj; 8. 8. 78, Fino de la 63a mondkongreso
— **„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten"**, Magdeburg, NDPD, 9. 8. 78, E-amikoj alproksimigas popolojn
— Sume: 7 artikoloj

## 2.10. Neubrandenburg

— **„Freie Erde"**, Neubrandenburg, SED, 4. 3. 78, Esperanto 1978; 13. 4. 78, Renkontiĝo de la 3 nordaj distriktoj; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 14. 10. 78, Nova kurso; okt. 78, Pri prelege en Templin; okt. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 22. 11. 78, Laborgrupo formita en Lychen; 23. 11. 78, Protestrezolucio; 29. 11. 78, E-grupo en Templin; 15. 12. 78, E-grupo fondita en Lychen; 19. 12. 78, Kontaktoj kun polaj E-grupoj
— **„Freie Erde"**, Neustrelitz, SED, 5. 1. 78, La plej juna lingvo de la mondo; 4. 4. 78, Kulturligo pliriĉigas la spiritan-kulturan vivon; 25. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 12. 12. 78, Filmo en Esperanto
— **„Freie Erde"**, Templin, SED, 27. 1. 78, Kunesto de esperantistoj en Templin; 23. 9. 78, Esperanto en popola altlernejo; 14. 11. 78, Bone vizitita prelego

— **„Norddeutsche Zeitung"**, Neubrandenburg, LDPD, 6. 6. 78, Kursoj por komencantoj kaj konversacio; 10. 6. 78, Pola radio kun 1254 elsendaĵoj
— **„Betriebszeitung NGMB"**, Neubrandenburg, 16. 6. 78, Kion prezentas Kulturligo?; 20. 10. 78, Invito al E-kurso
— **„Demokrat"**, Neubrandenburg, CDU, 16., 20. kaj 21. oktobro 1978, ampleksaj artikoloj pri la IIIa Centra Renkontiĝo en Rostock
— Sume: 25 artikoloj

## 2.11. Potsdam

— **„Brandenburgische Neueste Nachrichten"**, Potsdam, NDPD, 6. 1. 78, Disko en Esperanto; 29. 8. 78, Esperantistoj salutas el Varna; 30. 10. 78, 20 000 internaciaj korespondrilatoj
— **„Märkische Volksstimme"**, Potsdam, SED, 21. 4, 78, Filmoj en Esperanto; 5. 5. 78, E-informoj; 23. 6. 78, Partneroj renkontiĝis; 16. 8. 78, Esperantistoj renkontiĝis en Neuruppin; 19. 8. 78, Salutoj el Varna; 25. 7. 78. 34a TEJO-kongreso. 5000 traktis en Varna; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Märkische Union"**, Potsdam, CDU, 25. 7. 78, Antaŭ mondkongreso vizito en Minsk
— Sume: 11 artikoloj

## 2.12. Rostock

— **„Ostseezeitung"**, Rostock, SED, 14 3. 78, Kolorfilmo en Esperanto; 15. 6. 78, E-amikoj venis el Szczecin; 17. 6. 78, Popola altlernejo Rostock-Stadt; 1. 8. 78, E-mondkongreso; 10. 8. 78, Salutoj el Varna de la mondkongreso; 11. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 13. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 17. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Norddeutsche Neueste Nachrichten"**, Rostock, NDPD, 4. 1. 78, Faraono en Esperanto sur sonbendo; 28. 2. 78, Filmoj en Esperanto; 20. 5. 78, Radio Moskvo en Esperanto; 14. 6. 78, Amikecvizito el Szczecin; 17. 6. 78, Popola altlernejo Rostock-Stadt; 25. 7. 78, 34a TEJO-kongreso; 5. 9. 78, Esperanto ankaŭ ĉe UNO; 11. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 13. 10. 78, Ĝis la revido! en la klubo; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— **„Demokrat"**, Rostock, CDU, 15. 6. 78, Gastoj el Szczecin vizitis Rostockan E-klubon; 15. 9. 78, Intensiva kurso por Esperanto
— Sume: 20 artikoloj

## 2.13. Schwerin

— **„Schweriner Volkszeitung"**, Schwerin, SED, 24. 1. 78, Ekde marto kurso por komencantoj en Güstrow; 3. 2. 78, Nova kurso en popolaltlernejo; 11./12. 2. 78, Salutoj de esperantistoj el 11 landoj / Radio Moskvo kun unua E-dissendaĵo; 23. 6. 78, Esperantistoj el Tallinn kaj Schwerin faris kontrakton; 25. 8. 78. Esperantistoj el 42 landoj renkontiĝis en Bulgario; 18. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 17. 11. 78, Esperantistoj pritraktis konkursprojekton; 11. 12. 78, Medicinistoj fondis E-grupon
— **„Schweriner Volkszeitung"**, Güstrow, SED, 31. 1. 78, Ekde marto E-kursoj; 15. 2. 78, Enkonduko por la E-kurso; 11. 7. 78, Unua E-kurso finita; 24. 11. 78, Kurso por komencantoj komence de 1979 en Güstrow
— **„Norddeutsche Zeitung"**, Schwerin, NDPD, 10. 6. 78, Pola Radio en 1254 elsendaĵoj; 19. 8. 78. E-kongreso 1978; 26. 8. 78, Mondkongreso en Varna; 22. 6. 78, E-letero al Tallinn; 15. 9. 78, Nova kurso; 14. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 20. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 2. 12. 78, Fondo de medicina fakgrupo
— **„Der Demokrat"**, Schwerin, CDU, 15. 2. 78, Por Esperanto; 23. 6. 78, Amikeckontrakto inter esperantistoj; 25. 7. 78, E-mondkongreso en Bulgario (TEJO); 17. 8. 78, Schwerinanoj ĉe E-kongreso; 16. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo
— Sume: 25 artikoloj

## 2.14. Suhl

— **„Freies Wort"**, Suhl, 17. 10. 78, IIIa Centra Renkontiĝo; 26. 10. 78, Kio estas Esperanto?
— Sume: 2 artikoloj

*R. Schonert*

## 3. Komento

Kvankam nia tuta statistiko nur baziĝas je ricevitaj gazeteltranĉoj kaj pro tio ne estas tute fidinda, ni tamen atentigu pri kelkaj rezultoj.

1. Aldonante al la 191 artikoloj la 24 artikolojn de Peter Levsen, kiuj regule aperadas ĉiun duan vendredon en la taggazeto „Der Morgen", en 1978 aperis entute 215 artikoloj pri Esperanto. Tio signifas, ke ni povis preskaŭ duobligi la nombron kompare al 1977, kiam aperis 120 artikoloj (kp. „der esperantist" 3/78. p. 16 — 18).

## Hanna Scheffs - 65-jara

Estas maloftaĵo, ke ĉe fino de sia profesia vivo venas al niaj vicoj talenta kaj sindona multsperta funkciulino el la sindikata movado ofertanta sian helpon kaj kunlaboremon. Tiu estis Johanna Scheffs, kiu dum 5 jaroj tre sukcese gvidas la Distriktan Laborrondon en Potsdam. Ŝim membro de CLE, dum nur mallonga tempo alproprigis al si la necesan scion pri nia agado kaj pri la lingvo kaj fariĝis unu el la plej aktivaj kaj sindonaj inter ni. Al Hanna, la celklara kaj nelacigebla, ni deziras okaze de ŝia naskiĝtago (23. 11. 1979) ĉion bonan, tre kore gratulas kaj antaŭ ĉio, dankas pro ĉio farita ĝis nun kaj farota estonte.

CLE

**Honorinsigno de CLE**

Dum la 9-a plenkunsido de CLE la Honorinsignon ricevis
— Rudolf Hahlbohm, Berlin, prezidanto de CLE
— D-ro Karl Schulze, Berlin, membro de CLE
— D-ro Erich-Dieter Krause, Leipzig, membro de CLE.
Okaze de distriktaj renkontiĝoj, per la Honorinsigno de CLE estis distingitaj
— Hildegard Sindelar, Rostock,
— Hans-Joachim Borgwardt, Stralsund
— Rudolf Burmeister, Karl-Marx-Stadt
— Harry Dost, Karl-Marx-Stadt
— Alfred Ehrlich, Karl-Marx-Stadt
— Rudolf Eichler, Schwarzenberg
— Philipp Grimm, Ellefeld
— Werner Haupt, Karl-Marx-Stadt
— Fritz Hagemann, Raschau
— Alfred Müller, Karl-Marx-Stadt
— Paul Straach, Netzschkau
— Paul Thomas, Auerbach
**CLE kore gratulas**

★

(Daŭrigo de paĝo 13)

2. Rimarkinda estas la fakto, ke la ĉefa gazeto de GDR, la organo de la Centra Komitato de SUPG. „Neues Deutschland“ aperigis eĉ tri artikolojn. Ankaŭ la grava junulara gazeto „Junge Welt“ aperigis longan kontribuon.
3. Se 1977 entute mankis la distrikto Frankfurt/O., ĝi tamen ekaperis 1978, dank' al unu subdistrikto, nome Bernau.
   Laŭ la nombro de la ricevitaj gazeteltranĉoj je la pinto rangas, la distriktoj Schwerin (25) kaj Neubrandenburg (25), sekvata de Dresden (22). Sekvas Erfurt kaj Rostock (20), Leipzig (12), Potsdam (11), Halle kaj Karl-Marx-Stadt (10), Magdeburg (7), Gera (6), Cottbus (4), Frankfurt/O. (3) kaj Suhl (2). Tre klare videblas, ke la gazetara laboro akumuliĝas en kelkaj malmultaj subdistriktoj.
   Ĉiu distrikto mem povas tiri la necesajn konkludojn.
   Ni ne forgesu mencii, ke por la distrikto Berlin ni ĉiam kalkulas la centrajn organojn.
4. Interese estas, ke same kiel 1977 ankaŭ 1978 oni apenaŭ utiligas la gazetojn de fabrikoj.
5. La relative gravan antaŭenpaŝon, kiun ni 1978 atingis en nia gazetara laboro, ne nur ŝuldiĝas al la plibonigita kaj pli celkonscia agado de la distriktoj, subdistriktoj kaj grupoj, sed ankaŭ al la bona klimato ŝuldenda al la 63a UK kaj 34a TEJO-kongreso (sume 45 artikoloj) kaj al la IIIa Centra Renkontiĝo de la esperantistoj de GDR (24).
6. Tiuj distriktoj kaj subdistriktoj, kiuj ankoraŭ havas bezonon plibonigi sian gazetaran laboron, komisiu nepre taŭgan respondeculon por tiu grava kampo.
   Cetere, legante la publikigitajn temojn oni certe ekscios, kiaj artikoloj plej bone estas akceptataj de la gazetaro.

Nepre ni plibonigu la publikigan aktivecon dum 1980.

# Tonbanddienst des Zentralen Arbeitskreises

Die Entwicklung guter Sprechfähigkeiten und das Gefühl für eine den internationalen Normen angepaßte Aussprache des Esperanto wird durch das häufige Hören von Beiträgen in der Plansprache, wie sie z. B. in guter Qualität durch die täglichen Sendungen von Radio Warschau angeboten werden, wesentlich gefördert. Aber auch Vorträge guter Redner vom Tonband sind wertvolles sprachliches und gleichzeitig bildendes Material, das viel zu wenig genutzt wird.

Der Zentrale Arbeitskreis Esperanto hat deshalb einen Kassetten-Tonbanddienst eingerichtet. Bisher liegen folgende Programme vor (jeweils auf 60-Minuten-Kassetten):

1.a) Rede des Präsidenten des Esperanto-Weltbundes (UEA), Dr. Humphrey Tonkin, auf dem 63. Esperanto-Weltkongreß 1978 in Warna, Bulgarien, 40 Min.

b) Chansons in Esperanto, 20 Min.

2.a) Prof. Dr. Magomet Isajev, Akademie der Wissenschaften der UdSSR (Institut für Sprachwissenschaft), Vors. des Verbandes Sowjetischer Esperantisten: „Sprachprobleme und Interlinguistik in der UdSSR", Vortrag im Rahmen der Sommer-Universität auf dem 59. Esperanto-Weltkongreß 1974 in Hamburg, 40 Min.

b) Dr. Ferenc Jaki, Ungarn, „Esperanto — Mittler der Weltliteratur" (Karl-Marx-Stadt 1967), 20. Min.

3. Anna Seghers: „Der Ausflug der toten Mädchen", in Esperanto übersetzt und vorgetragen von Eva Seemannova, Schauspielerin aus Prag, (III. Zentrales Treffen der Esperantisten im KB 1978 in Rostock, 60 Min.

4. Prof. Gaston Waringhien (Frankreich), Präsident der Akademie des Esperanto, „Die Entwicklung des Esperanto-Wortschatzes", Vortrag im Rahmen der Sommer-Universität auf dem 49. Esperanto-Weltkongreß 1964 in Den Haag.

5. Rudi Graetz „Esperanto im Klassenkampf" (deutschsprachig), Vortrag auf dem Kolloquium über den Beitrag der Arbeiter-Esperantisten zur Entwicklung der deutsch-sowjetischen Freundschaft, 1974 in Gotha.

6. Prof. Dr. Eugen Bokarev „Die internationale Sprachensituation und Möglichkeiten ihrer Vereinfachung". Vortrag auf dem internationalen Treffen der Esperantisten im Rahmen der Ostseewoche 1967 in Rostock. Der Vortrag wird (satzweise) von D. Blanke ins Deutsche übersetzt. Der Text des Vortrages wurde in „der esperantist" Nr. 15 (Oktober 1967) abgedruckt.

7. Prof. Dr. Istvan Szerdahelyi, Fachbereichsleiter Esperanto am Lehrstuhl für Sprachwissenschaft der Universität Budapest, „Der pädagogische Wert des Esperanto", ein Vortrag auf dem internatioalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop.

8.a) Dr. Otto Haszpra, Budapest, „Hauptrichtungen in der Entwicklung der fachwissenschaftlichen Anwendung des Esperanto", Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop, 40 Min.

b) Diskussion im Plenum zu Fragen der Auswertung des Seminars, 20 Min.

9.a) Dr. Arpad Mathé, Budapest, „Probleme der praktischen Anwendung des Esperanto für die Wissenschaft", Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop, 35 Min.

b) Dr. Ludvik Fritsch, Prag, „Technische Wörterbücher — Probleme der Fachterminologie in Esperanto", Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop, 25 Min.

10.a) Dr. Detlev Blanke „Einige Fragen der esperantologischen Forschung", Vortrag auf der I. Internationalen Esperantologischen Konferenz, im Rahmen des 63. Esperanto-Weltkongresses 1978 in Warna, 30 Min. (inkl. Eröffnung und Grußansprache von Prof. Pool, USA).

b) Boris Kolker, Lektor für Interlinguistik an der Baschkirischen Staatsuniversität Ufa/UdSSR, „Interlinguistik in der UdSSR", 20 Min.

c) Sprachproben von 12 verschiedenen Sprechern in Esperanto (Ossete [UdSSR], Pole, Tscheche, Bulgare, Kroate, Ungar, Finne, Franzose, Engländer [typisch englischer Akzent], Engländer [ohne englischen Akzent], Däne, Schwede), 10 Min.

Der Leiter des Tonbanddienstes ist das Mitglied des Zentralen Arbeitskreises Esperanto, Ing. Klaus-Dieter Dungert, 3027 Magdeburg, Albin-Brandes-Straße 3. Sämtliche Bestellungen und Anfragen sind an Herrn Dungert zu richten, der auch über die Bedingungen und Kosten für das Überspielen einzelner Programme informiert. Die Tonbänder dürfen nur für die Arbeit in den Gruppen benutzt werden.

## Esperanto-Bücher aus Ungarn 2

In Ergänzung zur ersten Liste, die in „der esperantist“ 5/79, S. 21, abgedruckt wurde, informieren wir über weitere Titel, die direkt beim Haus der Ungarischen Kultur, 102 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9, bestellt werden können:

26. Programdeklaro de la Hungara Socialisma Laborista Partio, 1978, 41 S., ISBN 963571 0348
27. V. Benczik: Libro de romanoj, 1979, 228 S., Inhaltsangabe und Auszüge von vier der ersten Originalromane in Esperanto
28. I. A. Krilov: 111 fabloj, 136 S., 1979, ISBN 963571 0437
29. Gy. Krúdy: La rozo de l'sultano, Märchen, 48 S., 1979, ISBN 963571 0429
30. F. Karinthy: Vojaĝo al Faremido — Kapilario, 210 S., zwei Romane, 1979, ISBN 963571 0453
31. E. Toth: Lappar, la Antikristo, 148 S., 1979, Novellen, ISBN 963571 0484
32. Zs. Móricz: Malriĉaj homoj, 36 S., 1979, Erzählung, ISBN 963571
33. L. Kökeny — V. Bleier: Enciklopedio de Esperanto I — II, 1979, Nachdruck der zweibändigen Ausgabe der Jahre 1933 — 34, ISBN 963571 0518
34. 133 tagoj (Artikolaro pri la Hungara Konsilia Respubliko), 244 S., 1979, ISBN 963571 033X
35. E. Benedek: Hungaraj Fabeloj, Märchen, 1979, ISBN 963571 0615
36. K. Kalocsay: Pri la Esperanta rimo kaj ritmo. Zwei Studien, 1979, ISBN 963571 047X
37. I. Szerdahelyi: Praktika Gramatiko de Esperanto I, 110 S., 1979
38. V. Benczik: Ŝercoj kaj rakontoj, Lesebuch, 104 S., 1974 (Tankönyvkiadó)
39. V. Benczik: La kato en la sako, Lesebuch, 133 S., 1978, ISBN 963173 305X (Tankönyvkiadó)

Jeder Esperantist sollte dieses überaus reichhaltige Literaturangebot nutzen. Auch sprachlich weniger gewandte Freunde sollten sich bereits jetzt eine Büchersammlung anlegen.
Über weitere Neuerscheinungen informieren wir im nächsten Heft.

### Peto el Vjetnamio

S-ro Hô Quang Minh, 637 Thu Khoa Huan, **Chau Doc** An Giang (Vjetnamia Socialista Respubliko)
Ni estas kelkaj gelernantoj. Ni faras tute nian kapablon efike disvastigi Esperanton en nia lernejo kaj regiono.
Akceptu nian korespondproponon. Ni petas ke oni bv. sendi kelkajn librojn, gazetojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn. Viaj aktivaj helpoj igos favorajn kondiĉojn por ni.

### Ĉeĥa-Esperanta Teknika Vortaro

aperos en tri jarsekvaj partoj en 1978-1979-1980 precipe kiel labora materialo por la membraro de scienteknikaj sekcioj de ĈEA kaj AESSR, sed ankaŭ por la ceteraj seriozaj interesiĝantoj pri la faka lingvo, inkluzive de la eksterlandanoj. La prezo de la kompleto kun ĉ. 30 mil terminoj estos 50 — 100 Kčs. Kiu deziras ĝin posedi, skribu senprokraste antaŭmendon al la komisiito de STS-ĈEA: Inĝ. J. Werner, Kroftova 84, CS-616 00 Brno.

(Budapeŝta Informilo 9/78)

### „der esperantist“ 3/4 1965

Kiu havas tiun numeron? Bv. sendi ĝin al s-ro Károly Fajszi, H-1061 Budapest, Népköztársaság utja 27, Hungario

## Vizito en la Moskva-Klubo

Dum mia 3 monata laborado en Moskvo ankaŭ restis tempo por kontaktoj kaj interparoloj kun esperantistoj.

Inter alie mi vizitis la Esperanto-klubon. Kvankam estis feria tempo, la Moskvaj esperantistoj regule renkontiĝis kaj diskutis pri gravaj problemoj. La Moskva klubo estas tre aktiva. Ĝi laboras laŭ monatplanoj, havantaj interesajn prelegojn kaj aliajn diversajn kunvenojn.

Mi havis la eblecon aŭskulti du prelegojn: „Pri la Esperanto-movado en Sovetunio post la dua mondmilito" kaj „Pri Esperanto en sciencfikciaj rakontoj kaj romanoj".

En Moskvo Esperanto estas instruata regule en du kursoj. Krome ofte venas leteroj el aliaj regionoj de Sovetunio kun la peto sendi lernolibrojn kaj materialojn pri Esperanto. Tio montris al mi, ke la intereso pri la internacia lingvo kreskas, precipe nun post la fondo de ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj) en marto de 1979.

La Moskvaj-esperantistoj havas multajn personajn kontaktojn al diverslandanoj. Ili interesiĝas pri la vivo en aliaj landoj, pri la Esperanto-movado kaj la agado por paco. Kun ĝojo ili akceptas ĉiun gaston. Mi povis informi ilin pri la Esperanto-movado en GDR kaj montri lumbildojn pri Leipzigo. Entute tiuj ĉi semajnoj estis sukcesaj por mi, helpis plibonigi miajn lingvajn kapablojn. Denove mi povis konstati, ke per la internacia lingvo oni ne estas sola en la eksterlando.

Mi ankaŭ volas esprimi mian dankon al la Moskvaj-samideanoj pro la afabla akcepto kaj la kora gastamo.

*Beate Jagota, Leipzigo*

### Someraj tendaroj en Sovet-Unio 1979

Sukcese pasis OkSEJT-21 apud Kievo (315 partoprenantoj) kaj OrSEJT-21 apud Krasnojarsk (165 partoprenantoj).

En la unua partoprenis kaj helpis en organizaj aferoj respondecaj funkciuloj de Ukrainiaj sindikatoj, komsomolo kaj societo de amikeco kun eksterlando, kaj ankaŭ membroj de prezidio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj. Pri la dua informis la ĉefa landa ĵurnalo „Pravda" (14a de aŭgusto 1979).

La venontjarajn tendarojn organizos E-kluboj de Ufa kaj Ivanovo.

### Nova scienca grupo

Ĉe la Kibernetika Komitato ĉe la Prezidio de la Akademio de Sciencoj de USSR fondiĝis en 1979 scienca grupo „Planaj lingvoj kaj Dokumentoj". Gvidanto de la grupo fariĝis d-ro V. Grigorjev, sekretario N. Kuznecov. La fondkunvenon partoprenis prof. G. G. Vorobjov, sovetia kibernetikisto.

## Seminare 1980

Wie jedes Jahr, so führt der Zentrale Arbeitskreis Esperanto auch 1980 Seminare durch, die der politisch- ideologischen und fachlichen Weiterbildung und somit der Verbesserung der Arbeit dienen. Es werden ab sofort Voranmeldungen für folgende Seminare entgegengenommen:

1. *Methodik-Seminar:* 12. - 15. Februar 1980 in Miersdorf-Werder bei Berlin
   *Teilnehmerkreis:* Lehrer und Kursusleiter

   *Thematik:* Theorie des Esperanto, Theoretische und praktische Probleme des Esperanto-Unterrichts. Teilweise in Esperanto.

2. *14. Seminar für ehrenamtliche Leitungsmitglieder:* 11. - 15. März 1980 in Bad Saarow bei Fürstenwalde

   *Teilnehmer:* Leitungsmitglieder und zukünftige Leitungskader, Mitglieder des ZAK, der BAK und Vorsitzende der Kreisarbeitsgruppen

   *Thematik:* Theorie und Praxis des Esperanto. Probleme der Arbeit in den Esperanto-Gruppen der DDR. Übersichten über die internationale Esperanto-Bewegung. Evt. sprachliche Übungen.

3. *2. wissenschaftliches Seminar zur Interlinguistik,* 24. - 27. Juni 1980 in Miersdorf-Werder bei Berlin

   *Teilnehmer:* Wissenschaftler (Linguisten, Lektoren, Historiker, Philosophen). Teilnahme in der Regel nur auf Einladung. Evt. einzuladende Wissenschaftler können dem ZAK gemeldet werden.

   *Thematik:* Grundfragen der Interlinguistik und Esperantologie.

4. *Prüfungsseminar,* 17 - 21. 6. 1980 in Miersdorf-Werder bei Berlin

   *Teilnehmer:* Esperantisten mit guten bzw. sehr guten Sprachkenntnissen, die bereit sind, eine Prüfung der Stufen B und C abzulegen. Interessenten fordern die zu beherrschende Literaturliste und Prüfungsbedingungen.

   *Thematik:* Gemäß der Literaturliste werden die wichtigsten Prüfungsschwerpunkte wiederholt und seminaristisch aufbereitet. Das Seminar wird völlig in Esperanto geführt.

5. *Jugendseminar,* 9. - 13. Dezember 1980 in Miersdorf-Werder bei Berlin

   *Teilnehmerkreis:* Vor allem Jugendliche bis etwa 25 Jahre, auch Anfänger

   *Thematik:* Esperanto in Theorie und Praxis. Jugendgemäße Aktivitäten im Kulturbund. Übersichten über die internationale Esperanto-Jugendarbeit.

6. *Intensivkurs,* 13. - 18. Oktober 1980 in Potsdam

   *Teilnehmer:* Esperantisten mit Grundkenntnissen,
   Ausländischer Lektor, pro Tag 6 Stunden Unterricht, Teilnehmergebühr ca. M 120,00, Veranstalter: BAK Potsdam
   (Johanna Scheffs, 1503 Potsdam-Bornstedt, Apfelweg 3)

# Eĉ tio okazis

**Vortaro de burokratio**

Sveda registara komitato por batalo kontraŭ burokratio post zorgema analizado konkludis, ke la „oficista sveda lingvo" necesigas detalajn komentariojn. Pro tio oni planas eldoni vortaron kun 50 000 malfacile percepteblaj nocioj kaj disdoni ĝin al ĉiuj lernantoj finintaj la lernejon.

**Sana**

Ĉe la universitato Youngstown (Ohio, Usono) ekzistas esplorcentro por parola agresemo. Ĝia unua eltrovaĵo: blasfemado kaj malbenado estas sanaj por korpo kaj spirito. Homo, kiu konstante forglutas sian ĉagrenon, laŭ opinio de la esplorestro, povas malsaniĝi aŭ eĉ morti pro tio.

**Difinaj artoj**

Sufiĉe malfacilajn klarigojn sukcesis doni la familia ministerio de GFR en broŝuro pri infan-subvencioj. En ĝi legeblas inter alie: „Kiu el la infanoj estas la unua, dua, tria infano ktp. dependas de la aĝo de la infano. La plej aĝa do estas la unua infano, la dua plej aĝa la dua infano ktp."

**Tro frua ĝojo**

Enloĝanto de Morelia (Meksikio) ĝojis, kiam la polico telefone informis lin, ke ili retrovis lian ŝtelitan aŭtomobilon. Kiam la posedanto atingis la indikitan lokon, li tamen travivis malagrablan surprizon: la veturilo jam estis denove ŝtelita.

**Publicista laboro**

Gazeta eldonisto en San Francisco devis esti punita pro ŝofora ebrieco. La juĝisto kondamnis lin dum unu jaro verki tri komentariojn pri la danĝeroj de l'alkoholo kaj publici ilin en sia gazeto.

**Artista geedzeco**

Sinjorino el Victoria (Hongkongo) postulis divorcon. Kiel motivo ŝi diris, ke ŝia edzo laboras kiel ventroparolisto. En varietea teatro tio certe estas amuza, sed en la geedza vivo ĝi kaŭzis situaciojn, kiujn ŝi nerve ne plu eltenas.

**Malavantaĝo de beleco**

Juĝisto en Londono sekvas sian propran principon. Se temas pri kompensaj pagoj al vidvinoj li destinas pli grandajn sumojn por malpli belaj inter la virinoj kaj malpli grandajn sumojn por la pli belaj. Motivigo: Belulinoj ne tiel urĝe bezonas la monon. Ili ja havas bonŝancon reedziniĝi.

**Dancpremio**

Diskoteko en Istanbul donis tre aktualajn premiojn al la unuaj du venkintoj de danckonkurso: 25 respektive 10 litrojn de la multkosta benzino. Por la dancisto sur la tria loko devis sufiĉi botelo da ĉampano.

Trad. Linde Knöschke

## SEFT '80 Somera Esperantista Familiara Tendaro '80

En la distrikto Neubrandenburg GDR kunvenis dum kelkaj jaroj, aŭguste, meze en ĝia bela lagaro, esperantistoj el GDR kaj socialismaj landoj. Ili pasigis en tiu pitoreska regiono agrablajn tagojn en esperantista etoso. Pro la granda sukceso de tiu eksperimento la partoprenintoj decidis alvoki la naturamikojn en la jaro 1980 organizi samspecan tendaron.

**SEFT '80 okazos ekde la 24a ĝis la 30a de aŭgusto 1980 sur la tendejo „C-86" en arbaro ĉe Thomsdorf en regiono de Feldberg!**

**Kio do estas la organizaj detaloj?**

— Ĉiu partoprenonto devas mem zorgi pri sia tendo, manĝado, necesaj tendaĵoj k. t. p., kiel unikan servon la Distrikta Laborrondo Esperanto Neubrandenburg nur peras la adresojn inter ĉiuj interesuloj kaj donas kelkajn informojn pri la regiono, vojaĝeblecoj kaj aliaj detaloj.

— La esperantistoj el GDR devas aliĝi ĉe „Campingplatzvermittlung" en 206 Waren, Am Kietz 14.
Tio okazu kiel eble plej baldaŭ!

— La eksterlandanoj simple aliĝos post alveno en la oficejo de la tendaro. (La aliĝo nur eblas por civitanoj el la socialismaj landoj.)

— Partopreni povas ĉiu, kiu deziras pasigi sian ferion en romantika naturo (lagoj multas, arbaro grandas) sen ĝenoj kaj sensacioj.
Nur ili serioze interesiĝu pri Esperanto.

— Pri la programo la partoprenontoj ĉiutage mem decidos, memkompreneble nek ekzistas oficiala programo nek estraro de la tendaro.

— Oni povas veni pli frue kaj resti pli longe sur la tendejo.
(laŭ propraj deziroj kaj eblecoj)

**Jen kelkaj proponoj:**

- Kelkaj interesaj promenoj tra la sovaĝa naturo je turismaj vojetoj,
- Bani sin kun aŭ sen bankostumo, (preskaŭ ĉie eblas)
- Ludo kaj sporto, eventuale fiŝkapti, (oni devas aĉeti permesilon por fiŝkapti)
- Organizo de komunaj vesperoj,
- Per aŭtomobilo eblas vizito de kelkaj pitoreskaj proksimaj urboj, (Feldberg, Neustrelitz, Neubrandenburg, Templin, Lychen, Burg, Stargard kaj aliaj).

Kontraŭ M 2,– vi ricevos mapon pri la koncerna regiono (1 : 30 000), interesuloj el aliaj landoj sendu esperantistan libron de simila valoro.
Jen la adreso de la estro de Distrikta Laborrondo Esperanto:
Werner Pfennig, GDR – 20 Neubrandenburg, Leibnitzstraße 5/67

## Interesa nova libro pri Esperanto

Hungara Esperanto-Asocio eldonis 1978 tre interesan libron pri Esperanto: „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado.“

La aŭtoroj — M. I. Isajev, S. N. Podkaminer kaj E. K. Drezen (Sovetunio), Á. Rátkai (Hungario), D. Blanke (GDR), kaj U. Lins (FRG) — pritraktas ĉefe historiajn temojn de la Esperanto-movado, tiel ke entute etendiĝas vasta arko pri problemoj de universala lingvo, de ideoj de la utopiistoj (More, Campanella, Vairasse ktp. en la artikolo de Rátkai) ĝis la perspektivo. Ĉiu unuopa artikolo por si mem estas interesa, sed nur per la kombinado la tuto gajnas eksterordinaran gravecon kaj peras abundajn sciojn al la leganto.

Tiuj kompleksaj socipolitikaj kontempladoj pri Esperanto ankaŭ tial estas konsiderindaj, ĉar ili estas skribitaj de marksisma-leninisma vidpunkto kaj tiamaniere korektas erarajn aŭ malkorektajn opiniojn, ĝis nun ekzistantajn en esperantistaj kaj eksteresperantistaj rondoj.

En la libreto multe da gravaj demandoj estas respondataj, sed samtempe la aŭtoroj starigas novajn demandojn respondindajn. Tiel la prezentita kolekto estas komenco, sed bona. Ekzemple la artikolo de Podkaminer pri „Socialismo kaj internacia lingvo“ montras objektivajn kaj subjektivajn kondiĉojn kaj faktorojn rilate al la plua evoluo de l’Esperanto-apliko. Tiu artikolo miaopinie pruvas tre klare, ke la venonta apliko de internacia lingvo estas nedisigeble ligita kun la evoluo de l’socialismo, ĉar nur la socialisma socio ebligas tiajn kondiĉojn kaj tiom da pozitivaj faktoroj, kiom necesas por ke internacia lingvo akiru ĝeneralan aprobon. Tion ankaŭ montras la nuntempa situacio en la Esperanto-movado. La ankoraŭ neresponditaj demandoj estas vasta kampo por plua laboro de la interlingvistoj kaj sociaj sciencistoj.

Alia grava eldiro de la libro estas, ke Esperanto ĉiam estis ligita kun la progreso. Tion pruvas la artikoloj de D. Blanke pri la „Internacio de Proleta Esperantistaro (IPE)“, pri la „interna ideo de Esperanto“ aŭ pri la „kontribuo de la laboristaj esperantistoj por la evoluo de la germana-soveta amikeco en la tempo de la Respubliko de Weimar“ kaj la jam citita artikolo de Podkaminer per pozitivaj ekzemploj kaj la artikolo de U. Lins (nemarksisto) pri „Esperanto dum la Tria Regno“ per negativaj. Ili montras, ke reakcio ne akordas kun „Esperantisteco“, ke ĉiuj reakciaj reĝimoj diversgrade subpremis la Esperanto-movadon kaj ke kontraŭe la esperantistaro ĝenerale preskaŭ ĉiam kaj ĉie kunlaboras kun progresemaj movadoj. Tiu eldiro ne ekskludas, ke unuopaj esperantistoj kelkfoje aliĝis al reakciaj movadoj aŭ — kiel ekzemple nuntempe la Lapenna-grupo — provas uzi Esperanton por antikomunistaj klopodoj.

Tiurilate interesaj estas la priskriboj de Drezen kaj Blanke pri la „interna ideo", montrante, ke la „interna ideo" pri Esperanto de Zamenhof de marksisma-leninisma vidpunkto estis fikcio, sed tamen la Zamenhofa koncepto pri la popolinterliganta efiko de internacia lingvo — modifita — pluekzistas.

Cetere la libro peras multajn interesajn detalojn, i. a. pri la koniĝo *kun* aŭ opinioj de Marks kaj Lenin *pri* demandoj de internacia lingvo.

La libro estas entute bonega pliriĉigo de niaj konoj pri internacia lingvo ĝenerale kaj precipe pri Esperanto kaj tial rekomendinda. Mi opinias, ke estus utile eldoni ĝin en germana lingvo — eble kompletigita per kelkaj interesaj artikoloj el la libro „Esperanto — lingvo, movado, instruado", kiu same kaj dankinde estis redaktita de d-ro D. Blanke. Certe tia libro eĉ interesus eksteresperantistajn rondojn kaj eble povus plivastigi niajn vicojn.

**La libro „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado" (Budapest 1978) enhavas jenajn kontribuojn:**

*D. Blanke:* Enkonduko,
I. **Historio:** *A. Rátkai,* Socialismaj teorioj kaj la internacia laborista asocio pri la universala lingvo; *S. N. Podkaminer,* Lenin kaj Esperanto; *D. Blanke,* La Internacio de Proleta Esperantistaro (IPE); *D. Blanke,* Pri la kontribuo de la laboristaj esperantistoj por la evoluo de la germana-soveta amikeco en la tempo de la Respubliko de Weimar; *U. Lins,* Esperanto dum la Tria Regno, II. **Ideaj fontoj:** *E. K. Drezen,* Zamenhof; *A. Rátkai, La* internacilingva movado kiel kreinto de la Internacia Lingvo; *D. Blanke.* Pri la „interna ideo" de Esperanto, III. **Perspektivoj:** *M. I. Isajev,* Pri bazaj metodologiaj problemoj de interlingvistiko; *S. N. Podkaminer,* Socialismo kaj Internacia Lingvo.

(Havebla ĉe CLE, 10 markoj.)

La Red.



*La plej juna kursanino Renate Engels (10 jara) el Leipzig tradukis kun sia patrino la alvokon „Helpon al vjetnamaj infanoj" („de" 2/1979) kaj faris murgazeton en sia lernejo.*

*Ŝi krome transdonis al DLE donacon kolektitan por vjetnamaj infanoj. La prezidanto kaj vicprezidanto de DLE Leipzig, Jürgen Hamann kaj Rolf Beau, transprenas la materialon kaj dankas ŝin.*

### Vizito el Irako

Post longaj jaroj denove vizitis nian landon la konata esperantisto el Irako, Hussein M. Al-Amily. Li restadis kelkajn tagojn en Berlin, estis en Schwerin kaj prelegis la 1-an de aŭgusto 1979 en Rostock. Vestita laŭ araba maniero li prezentis grandan nombron da diapozitivoj pri Irako kaj rikoltis fortan aplaŭdon ĉe pli ol 30 ĉeestintoj.

### Bulgaraj esperantistoj rikoltis

50 bulgaraj helpantoj el Ruse en brigado partoprenis la frukto-rikoltadon dum somero 1979 en Phöben ĉe Potsdam. Inter ili estis 20 esperantistoj. Potsdamaj esperantistoj organizis renkontiĝon.

### Gutes Beispiel

„Kulturelle Anregungen" heißt eine Broschüre, die von der Stadtorganisation des Kulturbundes der DDR 1979 in Magdeburg herausgegeben wurde. Auf 28 Seiten wird über 22 Fachgruppen des Kulturbundes informiert, u. a. auch über die Gruppe Esperanto (S. 13).

### Medicina literaturo serĉata

Malnovan esperantlingvan literaturon pri medicino (brokantaĵoj) serĉas la „Medicina Fakrondo ĉe CLE". Skribu al ties estro d-ro Giso Brosche, 7981 Rückersdorf/GDR.

**Ni kore gratulas**

— al Albert Weinhold el Leipzig, tre fidela malnova laborista esperantisto, multe aktiva en Leipzig, kiu festis la 17an de novembro 1979 sian 75an naskiĝtagon,

— al Helmut Fuchs el Pirna, kiu fariĝis „honora civitano de la urbo Pirna",

— al Walter Röhner el Coswig, kiu estis distingita per la Patrolanda Meritordeno en Bronzo,

— al Willy Weilep el Halle, okaze de lia 80a naskiĝtago, la 28an de novembro 1979.

— al Fritz Hagemann okaze de lia 80a naskiĝtago (6. 12. 1979)

— al Ruth Schonert, kunlaborantino en la centra oficejo de CLE, pro la distingo per la Johannes-R.-Becher-Medalo en bronzo

— al Ilse Serowy, kunlaborantino en la centra oficejo de CLE, pro la distingo per la Johannes-R.-Becher-Medalo en arĝento

— al Ernst Schonert, membro de CLE, pro lia distingo per la Johannes-R.-Becher-Medalo en arĝento

— al Dieter Berndt, membro de DLE Berlin, pro lia distingo per la Johannes-R.-Becher-Medalo en bronzo.

**Ni kondolencas**

— pro forpaso de Johannes Köhler el Bautzen, iama membro de LEA, la 20an de majo 1979,

— pro forpaso de Richard Schulz el Potsdam, la 23an de junio 1979.

# KORESPONDDEZIROJ

31635

## GDR

Kiu P.T.T.-isto interesiĝas pri kunlaboro en fondota „Fakgrupo P.T.T."? Turnu vin al: Rolf Beau, **7010 Leipzig,** Jacobstr. 9

Instruisto, 44j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., precipe pri ŝako, fremdaj lingvoj k literaturo: Erhard Wilke, **171 Luckenwalde,** Ludwig-Jahn-Str. 8

Junulo, 16j., dez. kor. tutmonde pri turismo, kol. bk, pm: Andreas **Brückner, 133 Schwedt,** Thälmannstr. 60a, Wohng. 3

La Esperanto-grupo por komencantoj en la urbo Rostock aranĝos je la 15. januaro 1980 **letervesperon.** Ni petas sendu al ni koresponddezirojn de viaj lernantoj. Ni plejeble serĉos korespondanton por vi. Ni garantias almenaŭ unufojan respondon! Bv. skribi al: Kulturligo de GDR, Esperanto-fako, **2500 Rostock 1,** Kröpeliner Str. 25

Jacqueline Scherret, **20 Neubrandenburg,** Adlerstr. 20, (13j.), dez. kor. tutmonde k geamikoj 12–14j., pri sporto, akvariismo, kol. bk

Andre Hahn, **20 Neubrandenburg,** Röntgenstraße 6, (16j.), dez. kor. tutmonde k geamikoj 15–20j., pri sporto, literaturo, kol. pm

Katrin Zywicki, **20 Neubrandenburg,** Ahornstr. 3, (12j), dez. kor. k geamikoj 12–13j., kol. pm bk

Invalido, 40j., dez. kor. tutmonde pri vojaĝoj, naturo, kol. pm bk: Volker Franke, **2002 Burg Stargard,** Gartenstr. 23

Sylvia Rößler, **7251 Thammenhain,** Thälmannstr. 23, (18j.), dez. kor. tutmonde, p. ĉ. t.

Instruistino, 31j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Barbara Böhlig, **7251 Hohburg,** Friedensstraße 4

Oficistino, 33j., dez. kor. tutmonde, p. ĉ. t.: Irma Bolle, **725 Wurzen,** Zillestr. 43

Lernanto, 12j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: René Jäck, **725 Wurzen,** E.-Weinert-Str. 14

## Soveta Unio

Vladimir Volkov, I Pjatiletka 33-33, **454 007 Tscheljabinsk - 7,** dez. kor. Esperante, angle, germane, ruse, bulgare, ĉeĥe

20 diversaĝaj komencantaj esperantistoj dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: bv. skribi al: **626 440 Tjumenskaja obl.,** Nijnevartovsk, ul. M. Ĝalila, 13, Muzeo, Kid „Esperanto"

26j. komerclaboristino dez. kor. tutmonde, kol. pm, bk, insignojn: Eugenia Rejmo, Estonio, **202 900 Viljandi,** poŝtrestante

F-ino Anna Ĵuk, **p. Borovoj,** Uĥtinskogo r-na, Komi ASSR, ul. Stancionnaja 5-7, (17j), dez. kor. k. samaĝuloj el GDR, Bulgario, Jugoslavio pri libroj, muziko, sporto

F-ino Nataŝa Ostapĉuk, **334 007 p/o Pobednoje Ĝankojskij rajon,** Krimskoj obl. (18j) dez. kor. pri fremdaj lingvoj

Studento dez. kor.: Igorj Ŝadrov, **335 003 Sebastopol,** str. Tolstojo 23

Studento dez. kor.: Gennadij Rjabinin, **335 003 Sebastopol,** Tolstogo 10–18

Natalja Gimpel, **335 028 Sebastopol,** str. Menŝikova 17–29, (18j), dez. kor.

Inĝenierino, dez. kor.: Tatjana Rudak **335 000 Sebastopol,** str. Ljotĉikov 35–67

Instruisto de fremdlingvoj dez. kor.: Leonid Tkaĉuk, **335 022 Sebastopol,** str. Gorpiŝĉenko 73–36

F-ino Ludmila Pokuŝalova, **335 016 Sebastopol,** str. Aleksander 10, dez. kor.

Viktor Golubev, **335 903 Belokamense,** str. Ĉetvertakova 17–3, (25j), dez. kor.

Aleksandr Fjodorov, **335 045 Sebastopol,** str. Ĵeroŝenko 14–34, dez. kor.


**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto)**
**Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60**
**Fernruf: 2 20 29 91**

**Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.**

**Druck: Druckwerkstätte Glauchau**
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 70